# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 24/01/2018 Tricent- kvindekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,480,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,190,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol 288,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.




**N.ro 12** **( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)**

Tio kion P.A.G. ne donas, estas grafika bildo de aktiva frazo, kiu bildo montras kio okazas en nia menso kiam ni uzas la diversajn t.n. Voĉojn.

Se la bildo montras pejzaĝon en kiu viro batas hundon per bastono, la koresponda vortigo komenciĝas per la aganto, kiu estas la unua observaĵo de la homa menso kaj pri kiu nia menso volas indiki kiun agon faras la viro. La bildo do montras unue la viron, gramatike la plej gravan parton de la okazo, kaj post tio montras la agon, ekz. **LA VIRO BATAS.**

Ĉar multaj agoj bezonas trian parton en la bildo, nome la Objekton, tio montriĝas post “batas” jene: **LA VIRO BATAS LA HUNDON .**

Ĉi tiu vicordo de nia atento kaj observo nomiĝas la Aktiva Voĉo. Post tiuj tri elementoj sekvas la cirkonstancoj, ekz. “per bastono”, kaj “en la parko”, kaj “ĉar ĝi manĝis liajn buterpanaĵojn”. Jene:

**LA VIRO BATAS LA HUNDON FORTE PER BASTONO EN LA PARKO ĈAR .... .**

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Semajna raporto de Melburno** Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en 5a de Februaro. *Joanne Johns*





## BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj




Lastan sabaton BES membroj havis bonan, feliĉan kunvenon *Petro Danzer* BES Sekretario





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 20a de Januaro venis Roger, Michael, Chris, John kaj Ian



Ni notis la kvizon de Marcel en la lasta novaĵletero (AE257) sabaton kaj havis multe da amuzo kiam, kune, ni reskribis la frazojn kun (laŭ ni) akurata signifo.

Jen la farado



- Kial mi nun iras la urbon? *"What's the use of me going to town now?"*

- Mi malŝategas ke la amant(in)o aĉetadas multkostajn donacojn. *"I hate my beloved buying expensive presents"*.
- Mi kredas/antaŭ-faras ke li restos for. "*I expect him to stay away*".
- Mi esperus ke la murdisto estas baldaŭ kaptita. "*I love the murderer to be caught soon*".
- Mi ŝatas ke li malaperu. *"I like him to get out of my sight"*.

Post tiam ni malkovris tri demandojn pli en la artikolo. Tamen ni ne kompletigis ĝin pro manko de tempo kaj ĉar iuj anoj devis trafi pramŝipon ktp.

Do ni daŭros tiujn respondojn la venontan kunvenon. *Chris Holliss*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# E k s t e r ĝ a r d e n a ĵ e t o j.



## LA JUNULA VIVO DE NIA ZAMENHOF. PARTO 1.

En la tempo de lia naskiĝo, la 15-an de Decembro 1859, estis en judaj rondoj la kutimo doni unu personnomon kaj aldoni iun ajn duan kun la sama komenclitero kiel la unua. Pro tio la patro nomiĝis Mordecai (la dua ĉiam unue) Marcus Zamenhof; en la taga vivo oni do nomis lin Marcus. Al nia Zamenhof oni donis la nomon Lazar, el la hebrea *El'hazar*, kaj kiel ekstran nomon Ludovik. Lia juda nomo do estis Ludovik Lazar, kaj pro la eŭropa kutimo oni en la ĉiutaga vivo nomis lin Ludovik Lazar Zamenhof, do Ludovik. Inter 1869 kaj 1873 li vizitadis la (mezgradan) gimnazion en Bjalistoko kaj el de Decembro 1873 ĝis Julio 1879 li vizitadis la filologian altlernejon en Varsovio. Studinte post tio dum du jaroj en la medicina fakultato de la universitato de Moskvo kaj kvar jarojn en la sama fakultato de la universitato de Varsovio, li ricevis sian medicinan diplomon. Sed ĉar li malfacile kapablis toleri la mortojn kaj la suferojn de la pacientoj, li baldaŭ decidis studi specialan parton de optalmologio, okulkuracado, kaj iris por tio al Vieno, Aŭstrujo. Post sia edziĝo en 1887 Zamenhof penis starigi okulkuracistan praktikon sufiĉe grandan por subteni sian familion de edzino kaj tri gefiloj. En 1898 li fine establiĝis definitive en la geto (juda kvartalo) de Varsovio, kie li praktikis kiel okulkuracisto ĝis sia morto. *M. L.*

## PRI "ANTE AL" KAJ "ATE DE".

Estas interesa, kiel kelkaj amikoj, vidante ion la unuan fojon, tuj krias "Malĝusta! Pendigu la herezulon!". Sen serĉi la signifon, sen serĉi klarigojn ie, sen kontakti unue la uzinton por nur poste bruligi lin publike. Malgraŭ ke oni diras ke la Esperantistoj estas pacema kaj tolerema popolo. Tiuj amikoj tuj akceptas ĉion kion diras la gravuloj de U.E.A. kaj de la Akademio, ne konsiderante ĉu tiuj diras la veron, kiel la politikistoj. Dume ili eĉ miscitas min, dirante "ante de" kaj "ate ion". Ili hazarde estas eŭropanoj, pro siaj etnaj lingvoj ne kapablante vidi, ke Esperanto, ja artefarita kaj artefarata lingvo, havas siajn proprajn regulojn, kaj ne necese tiujn de eŭropaj lingvoj.

Strange, ĉu ne? Ili ne komprenas la signifon de "ante al" kaj de "ate de", kaj mi kore pardonas ilin pro tio, sed ili havas en sia menso la regulon, ke ĉiu radiko kaj ĉiu vorto havas sian propran signifon, escepte se ili neniam antaŭe vidis la radikon aŭ la vorton. Ekzemple la vortoj tialo, dei, troo, proe, ante, ate, kaj aliaj. Ili tiel komencas fari esceptojn en Esperanto: ("Oni ne povas uzi tion, ĉar mi neniam antaŭe vidis tion"). Kaj surbaze de tiu fiksita ideo ili

akceptas esceptojn nur de tre konataj Esperantistoj, eĉ se tiuj lastaj estas ne sufiĉe kleraj, kiel Grosjean-Maupin kun sia "peri".

Aliflanke mi komprenas, ke diri la signifon de la vorto "tablo" aŭ eĉ de la kvar malsamaj signifoj de la prepozicio "de" estas pli facila ol de la vortoj "ante" kaj "ate". Kaj eble malfacilas por ili kompreni aliajn partojn de la gramatiko de Esperanto, inkluzive la aglutinan vortfaradon. Mi tamen asertas, ke ĉiu vorto kaj vorteto en Esperanto havas sian propran signifon, sen esceptoj, kaj ke neniu persono havas la moralan rajton malpermesi al tiuj, kiuj pro pli profunda studo hazarde scias la signifon de nekutima vorto, uzi ĝin kaj tiel devigi onin studi la lingvon pli profunde. Sed nur se temas pri vortoj aŭ esprimoj bezonataj pro manko aŭ pro erara uzo de aliaj vortoj, ekz. la tialo.

Mi ne kritikas homojn pro scii la gramatikon malpli ol mi. Ĉiu havas sian propran nivelon en la lingvo kaj, espereble, antas plibonigi tion. Neniu el ni scias temon centprocente, do lernas, kiel ankaŭ mi faras.

Nu, vi povas ekscii ĉion pri "ante al" kaj "ate de" el de pluraj bonaj Esperantistoj, hazarde plejparte loĝantaj en Aŭstralio. Vi povos alternative aŭ krome trovi ĉiujn klarigojn en mia 300-paĝa libro "Lingvaj Resondoj", kiu libro nun haveblas ankaŭ elektronike ĉe www.esperanto.com.aŭ. Post tio vi povos peni pruvi, ke mia rezonado pri gramatikaĵoj estas malĝusta. Bonan ŝancon! *M. L.*

## DU AFRIKANOJ.

Mi havas en mia ĝardeno du arbojn el Afriko. La unua estas la fama karobujo/ceratonio, *carob tree, Ceratonia Siliqua,* kiu arbeto indiĝenas en Norda Afriko kaj en la Mezoriento. Ĝi famas, ĉar ĝi menciiĝas en la Biblio, kaj kreskas en tre sekaj lokoj, ĉe mi sub granda eŭkalipto. Ĝi bone kreskas, sed post dudek jaroj ankoraŭ ne floras. Cetere mi ne rikoltos ĝiajn manĝeblajn semojn, ĉar oni bezonas KAJ inan KAJ viran arbeton. Ĝia alternativa nomo estas Sankta-Johano-pano, ĉar laŭdire tiu sanktulo vivis en la dezerto manĝante la fazeolajn semojn.



La alia afrika arbo indiĝenas en Suda Afriko. Ĝi estas la fama kafirarbo, *Erythrina caffra*, nomita de la nederlandaj koloniistoj kafferboom laŭ la nomo de unu el la sudafrikaj indiĝenaj popoloj. En mia ĝardeno ĝi nun belege floras per floraroj de +_ dudek fortruĝaj grandaj pizofloroj sur la senfolia fino de kelkaj branĉoj. Pasintan jaron ĝi floris je dekmetra alteco, ne facile videble, kaj do en Oktobro mi duonigis la arbon, kaj nun la floroj pendas je alteco de kvin metroj, bele videble. Oni cetere konsilas mallongigi tiajn arbojn ĉiujare, sed oni ne bezonas, ĉar mi vidis grandajn tiajn arbojn apud la centro de Melburno. Tiujn la aŭtoritatoj krime forhakis antaŭ kelkaj jaroj. *M. L.*



## ĈU MI SAĜE PARDONATOS, AŬ ĈU MI MALSAĜE ESTOS PARDONATA ?

Mi lernis en la malsanulejo en Ferntreegully, ke en la angla oni preferas uzi du vortojn por kelkaj agoj por kiuj oni en Esperanto inteligente uzas nur unu vorton. Ja unu ago =

unu vorto. Temas pri kelkaj korpaj funkcioj, nome pri tiaj ĉe kiuj io forlasas la korpon. La unua estas la ago "feki", unu vorto ĉar unu ago, por kio en la anglolingvaj malsanejoj oni diras "Ĉu vi malfermis viajn intestojn?", *"Did you open your bowels"*. Do mi diris por "urini" "Mi volas malfermi mian vezikon", *"I want to open my bladder"*, sed oni instruis min, ke en la malsanejoj oni diras "Pasigu vian akvon", *"Pass your water"*. Oni forgesas aldoni "malpuran". *"dirty"*. Do strangas, ke oni ne diras "Pasigu vian fekaĵon". Nu, ĉu por "ŝviti" oni uzas en la malsanejoj "Mi pasigas mian haŭtakvon aŭ mian ŝvitaĵon"? Aŭ ĉu mi "malfermas miajn haŭtporojn"? Kaj ĉu mi malfermas mian nazon, kiam mi nazblovas? Aŭ ĉu eble mi pasigas mian nazakvon? Cetere mia nazo normale ĉiam estas malferma. Kaj ĉu en la malsanejo mi malfermas mian stomakon aŭ mi pasigas mian manĝitaĵon, kiam mi vomas?

Bonŝance en Esperanta malsanulejo mi simple fekas, urinas, ŝvitas, nazblovas, kaj vomas. Ŝame kiel mi malamatos anstataŭ duvorte "Mi estos malamata aŭ mi estas malamota". Bonŝance ankaŭ, ke por la kontraŭdirektaj korpaj agoj en la malsanejoj oni uzas nur unu vorton: Enspiru, manĝu, trinku, flaru, kaj aŭdu! "Have fun!", "Amuziĝu!".

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 9 Ree en Anglujo (Unua ero)



Tamen kaj malgraŭ ĉio, du semajnojn poste ni ree troviĝis en Leicestershire. Estis grize kaj malvarme, kaj ni ne povis kompreni, kial ni ne estis restintaj en la civilizacio. Mi ne estas kamparano. Mi estas kopenhagano. Tamen mi ĝojis iomete, ĉar Paŭl Freeman estis varmiginta la domon por nia reveno. Kaj la du katoj ĝojis revidi nin. Estas bone iomete vojaĝi en la mondo, ĉar oni trovas tiom da amikoj !

En la bieno loĝis krom gekokoj ankaŭ anasoj, meleagroj, kaj anseroj. Krom la gekokojn sur la kampo, la bienposedanto havis ankaŭ proksimume 10.000 kokinojn en domego, ne en sia loĝdomego, sed en domo speciale destinita al kokinoj. Tiuj kokinoj ne produktis kokidojn, nur multe da ovoj.

La kokinoj vivis sian tutan vivon en la domo. Neniam ili rajtis eliri, kaj neniam ili tion faris. Ili vivis sur kelkaj metroj da pajlo. Sur ĝin ili malmanĝis kaj maltrinkis. Mi turnis per forko la pajlon tiel ke la malmanĝaĵo estu sube. Tie la varmego de la pajlo malaperigis la malbonajn bakteriojn de la malmanĝaĵo. Sed iom da fiodoro ĉiam restis. Kun ĝi la birdoj devis vivadi, ili, kiuj estis destinitaj al vivo sur la kampo, ĉu en neĝo, ĉu sub la bona suno. Bienposedantoj scias kiel ŝanĝi la vivon de aliaj.

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** …. en la elsendo de la 22a de januaro Laszlo anoncas kio estos la kongrestemo de la Universala Kongreso en Lisbono.Eblas aŭdi ankaŭ intervjuon de Duncan Charters pri lingvoj en Usono kaj en la fino la belan voĉon de Miguel Fernandez, kiu kantas tradician hispanan kanton "Hedero"
informas la kunvokanto *Franciska Toubale*